INFORMILO

N:ro 12-13

( N:roj 3.-4,1950 )

---

Informilo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio,
Prezidanto: Ĉefred. C.Hilmer Johansson, "Östgöten" LINKÖPING, Svedlando
Sekr.-kasisto: Red. Einar Adamson, Värmlandsgat. 18,GÖTEBORG,Svedlando

---

## SPERTOJ PRI ĴURNALISTA KUNLABORO PER T E J A.
## KAJ PROPONOJ DE GERMANA ĴURNALISTO

Letero al D:ro Kurt E. BADE ,Herford,Germanujo,
redaktoro de HERFORDER KREISBLATT , HERFORD.

Elkore mi dankas por la TEJA-Informilo n:ro 11..........

Mi opinias ke ne nur sufiĉas ke ni TEJA-ĵurnalistoj konas la nomojn kaj la adresojn de niaj Esperanto-kolegoj; laŭ mia opinio necesas ke ni ĉiuj konsekvence kaj arde sekvu nian celon kaj ke la unu helpu la aliajn rilate nian profesian laboron. Mi mem,laŭ miaj personaj spertoj kun ĝojo povas raporti ke mi ŝuldas dankon al kelkaj inter niaj alilandaj TEJA-kolegoj kiuj malŝpare kaj senprokraste helpis min,post kiam mi al ili submetis petojn por ke ili al mi estu sendintaj detalojn pri ĵurnalista temo kiun mi tiam intencis pritrakti.

Ekzemple sinjorino HILDE STEWENS,London,al mi havigis gravajn akcesoraĵojn pri Londona Eros-a monumento kiun mi aspiris priskribi en kunteksto kun artikolo pri kuriozaj monumentoj.

Alia foje ŝi min provizis je enhavoriĉa broŝuro pri la fama Rosetta-ŝtono el Egiptujo helpante min tiamaniere publikigi traktaton pri la hieroglifa sekreto.

Alia kolego,redaktoro ANDREE REMOND, Paris, kiun mi supozis kiel kapablan por plenumi alian inter miaj ĵurnalistaj deziroj laŭ mia peto post nur mallonga prepara intertempo al mi liveris biografajn detalojn pri la franca verkisto Marcel Aymé de kiu mi devis kritike esplori unu romanon por eltrovi ĉu ĝi taŭgas por la presido. Helpe de kolego Remond mi sukcesis senpene kaj rapide havigi al mia eldonejo la deziritan kritikon.

Kvankam ankaŭ ĉi tiu interkolega helpo multon valoras pro tio ke tia interŝanĝo de specialaj informoj senduba faciligas nian laboron,mi opinias ke tamen krom tio ekzistas granda ŝanco por pliintensigi la TEJA-taskon. Mi proponas ke ni eldonu PRES-SERVON.kiu enhavu artikolojn,raportojn,notojn kaj mallongajn resumojn pri temoj kaj faktoj kiuj interesas la legantaron en la tuta mondo. Laŭ la specialaj fakoj de la kolegoj la artikoloj aŭ notoj pritraktu aŭ kulturajn aŭ ekonomiajn aŭ eĉ politikajn temojn. Ekz. nuntempe vastan atenton ekscitadas la kulturan staton de Ĉinio; el la Esp-bulteno " EL POPOLA ĈINIO" ,eldonata monate en Peking, la eŭropa ĵurnalisto povus eltiri multajn informojn pri la modernaj ĉiniaj edukmetodoj; tio ne necesus,se ĉiniaj kolegoj kunlaborus en la supre menciita TEJA-PRES-SERVO.

SPERTOJ PRI JURNALISTA..................

Krom tio en la profesia praktiko de ĉiu ĵurnalisto temoj aŭ faktoj oftege okazadas kiuj ne nur ekvekas la scivolemon de la tiu landaj legantoj, sed eĉ en aliaj landoj ili altirus la legantaraj okulojn. Inter kolegoj ne necesas analizi la ideon aŭ la enhavoj la Pres-Servoj; ni ĉiuj ilin laŭsperte bonege konas. Restas nur la honoraria kaj la praza problemo. Do, mi opinias ke tio ne estos ne estu nevenkebla problemo. La kolego, kiu publikigos TEJA-PRES-SERVO artikolojn en sia propra ĵurnalo aŭ en fremda ĵurnalo en sia lando ĉiukaze ricevos honorarion; 70 % li retenu por si mem, 30 % li cedu la eldoninta kolego, kiu nun ricevos tiel ofte la sumon de 30 % kiel la artikolo en diversaj ĵurnaloj presiĝos. Eble 5 % transpa al la TEJA-centro-konto kiel kompenssumo por la preskostoj.

Antaŭvidante diskuton en la proksima TEJA-INFORMILO, mi rekome das, kara kolego Adamson, konigi mian iniciaton al la kolegoj, por fi realigio planon kiu ne nur favoras niajn ĵurnalistajn interesojn, sed cetere antaŭenhelpos la Esp-aferon. La esperantomovado urĝe bezonas praktikajn ekzemplojn kaj faktajn pruvojn pri ĝia profesia aplikeblo. La TEJA-PRES-SERVO estus kaj estu unu inter ili.

Esperante baldaŭ legi vian opinion, salutas vin

Kolege kaj samideane via

Dr K.E. BADE.

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

## E L P O P O L A Ĉ I N I O

estas la nova gazeto, kiun eldonas Fremdullingva Eldonejo, 26 Kuo Hui Chiek, PEKING. Tri profesiaj ĵurnalistoj laboras per la gazeto Ke nia profesia asocio TEJA jam estas bone konata en Azio ni povas konstati kiam ni en la unua alvoko al la legantoj, publikigita en la 1-a numero de la gazeto -n:ro 1, majo 1950, mencias pri nia Asocio skribante: " Ni speciale turnas nin al TEJA-membroj kaj ili kiel laborantoj en ĵurnalista kampo multe utiligu niajn artikolojn en siaj respektivaj ĵurnaloj."

Ĉar TEJA - sekretarejo jam interkonsentis per abonkotizoj de EL POPOLA ĈINIO ekonomii la pagon de jarkotizoj por ĉinaj membroj de TEJA, svedoj kaj aliaj skandinavoj povas aboni la gazeton pere de TEJA: Red. Einar Adamson, Värmlandsg. 18, GÖTEBORG. Por svedoj al postgirokonto 44381. La jarabono estas por Svedlando 6.50 sv.kr, Aliaj pagu sumon valora al 1.25 USA-dolaroj. Danoj pagu al Dansk Esperanto Forlag, AABYHÖJ, notante ke estas al konto de Adamson kaj samtempe skribu al TEJA-sekretarejo.

=====================

## TEJA-MEMBROJ PRAKTIKE LABORAS POR ESPERANTO:

Kiel sekretario de Ĉengtua ESPERANTO LIGO funkcias nun la ĵurnalisto LAULUM, TEJA-membro n:ro 41. Nuna adreso estas : Poŝtkesto n:ro 77, ĈENGTU / CHENGTU / Ĉinio.

=====================

## AL LA LEGANTOJ DE TEJA-INFORMILO.

Estis tre malfacile por ni trovi skribmaŝinon sufiĉe bona por stenciligado( multobligado ) Por tiu ĉi numero ni en la firmao REMINGTON pruvis 4 diversajn skribmaŝinojn. Kiam ni do vidis la numeron preta ni aĉetos la skribmaŝinon, kiu estas plej bona por nia celo. ( Komprenoble ke estas privata afero de la sekretario, ĉar TEJA ne havas monon aĉeti skribmaŝinon aŭ multobligaparaton. Do ni esperas ke venontaj n:roj estu pli bone presotaj. La Sekr.

## E_L_T_U_N_K_O_-_LA SPERTA JURNALISTO KAJ BONEGA ESPERANTISTO.

En la bonege redaktita, altkvalita esperanto-gazeto "POPOLA MONDO" ,oficiala organo de Ŝanhaja Esperantista Ligo nia kolego H O N F A N skribas longan interesan artikolon pri nia mortiĝita TEJA-membro ELTUNKO, nia pioniro en Ĉinio. El la artikolo ni ĉerpas:

Mi konatiĝis kun eltunko en printempo de 1940, kiam li partoprenis en la laboro de KEL / Koresponda Esperanto-Lernejo. Antaŭ lia alveno al KEL laboris tie konstante nur Venlo FEN, kiun helpis sinsekve pluraj kunlaborantoj. Nur kiam venis ELTUNKO ,Fen ekricevis grandan subtenon. ELTUNKO bone organizis la kurson kaj preparis pli interese la lecionojn kaj aliajn lernaĵojn. Li bone sciis entuziasmigi kaj gvidi la junulojn. Depost nia konatiĝo mi trovis ke li neniam forlasis esperantan movadon, krom en la plej danĝeraj horoj por esperantistoj sub faŝista persekutado. Kie li estis, tie li dissemis la verdajn semojn kaj tuj formiĝis ĉirkaŭ la esperanta rondeto.

Observante liajn laborojn en lastaj dek jaroj, mi ne povas ne admiri lian talenton kaj energion. -- Lia laborstilo estis senripoĉa kaj bela. Koncerne esperantajn skribaĵojn, min impresis speciale liaj tradukoj de kantoj kaj poemetoj. Pro granda diferenco ~~int~~ inter ĉina lingvo kaj esperanto, estas malfacile plene doni la saman sencon enhavatan en la ĉina originalo per limigitaj silaboj de esperanta traduko, despli konservi la originalajn ritmojn kaj atingi akordiĝon kun la melodio. Tial plejparte la ĉinaj kantoj esperantigitaj estas malmulte sukcesaj. Sed la tradukojn de ELTUNKO ,kiujn oni ĝuas en la de li sole redaktita muzika gazeto " EL ĈINA MUZIKO" ni trovis ĉiuflanke kontentiga.

La lastaj dek jaroj plejparte li restis en Cengtu, kie dank al li la esperanta movado multe pli prosperis ol en aliaj urboj.....
Krom multaj kursoj de li organizitaj estis variaj presaĵoj de li iniciatitaj, redaktitaj, verkitaj kaj eldonitaj. "JURNALISTO" kaj " EL ĈINA MUZIKO " estas bone konataj tra la esperanta mondo. Krom enlandaj laboroj li diligente aktivis ankaŭ internacie. Li kunlaboris en multaj esp-gazetoj internaciaj. Kiam T E J A estis konata en Ĉinio li tuj fariĝis ĝia membro kaj poste ĝia delegito en nia lando. / "JURNALISTO " aperis kiel sekcia gazeto de TEJA./

XXXXX XXXXXXXX XXXXXXX XXXXXXX XXXXXX

## N E K R O L O G O

========= ======

Kun malĝojo ni informas al niaj legantoj, ke TEJA-membro 138 J O Ĉ A Ŝ I E N en Tsinan, Ĉinio, kunlaboranto de la jurnalo "DA ZHUNG RH BAO forlasis nin la 5-an de marto 1950.

Mi memoras ke lia unua letero- la unua mi ricevis el la respubliko de Mao-Tse-Tung-atingis min dum septembra tago 1949, kiam en mia hejmo en Göteborg estis alia TEJA-membro Chun -chan Yeh, ankaŭ li ĉino- nun kunlaboranto en la Ministrejo de Kulturo en Peking. S:ro Yeh tiam rakontis ke Joĉaŝien estis lia esperantoinstruisto iam en Ŝanhajo.

Joĉaŝien naskiĝis en la jaro 1907. Dum 1926 li lernis la lingvon kiam li estis lernanto de telegrafa tekniko. 1929 li fondis Bankon Esperanto-Asocion. 1937 ,dum la rezistmilito kontraŭ la japanoj multaj esperantistoj havis kontakton kun li, ĉar li fondis la gazeton :"HEROLDO DE ĈINIO".

EN NIAJ VICOJ NUN MANKAS DU ENTUZIASMULOJ ,DU ALTKVALITAJ ĈINAJ JURNALISTOJ , DU VERAJ ESPERANTISTOJ: E l t u n k o kaj J o ĉ a ŝ i e n.

Einar Adamson

## LETERO EL ADVOKATO GABRIEL DRONCHAT

TEJA-membro advokato -ĵurnalisto Gabriel Dronchat,PARIS, skribas al la sekretario inter alie:

Mi konsideras ke via bulteno estas sufiĉe interesa. La ĉefa afero por kunlaboro estas havi la liston de la proĵurna-listaj dejorantoj. Mi bedaŭras ke mi trovis nur unu TEJA-ano en Sud-Ameriko kaj mi devis turni min al la delegitoj de UEA. Unu de ili / S:ro Euhenie IGLESIAS en Buenos Aires/ agis kun mir-inda sindonemeco !. Bedaŭrinde li ne estas ĵurnalisto------- Por havi materialon mi sugestas al vi,ke vi diru en la bulteno ke ĉiu TEJA -membro havas la devon sciigi al vi la rezultojn de la inter-komunikado kun la aliaj TEJA-anoj. Ĝin vi povus publiki kaj la bulteno estas pli interesa.---- Nun mi supozas ke la ĵurnalo FRANC-TIREUR ,kui publikigis tre interesajn artikolojn dum la 35-a kongreso,starigos konstantan rubrikon en siaj kolo-noj.Mi klopodos tiu-sence.---- Korege via DRONCHAT

........

Red. aldono: Ĉu nia amiko Dronchat ne ricevis nian Adresaron? En BUENOS AIRES ni jâ havas membron:Tibor Sekelj,en BRAZILIO : Wil-son Veadé.

^^^ ^^^^ ^^^^^^ ^^^^^^ ^^^^ ^^^^ ^^^^

## GRAVA PERESPERANTISTA ĴURNALISTA LABORO

De IMRICH ZALUPSKIJ ,Ĉeĥoslovakio

Dum la jaro 1949 aperis en Japanio du libroj,kompilitaj de nia kolego T.Kurisu-TEJA-membro. La unua sub titolo "LA SAMA SUNO LUMIGAS LA MONDON";enhavas kolekton de 58 esperantaj leteroj en japana traduko de 21 eksterlandaj samideanoj el 12 landoj.

La dua libro de japanlingven tradukitaj leteroj aperis sub titolo " VOĈO DE LA MONDO". Ĝi enhavas 44 leterojn de 35 ekster-landaj samideanoj el 18 landoj.

La plejparte de la leteroj en ambaŭ libroj aperis jam antaŭ en japana traduko de s-no Kurisu en diversaj progresemaj japanaj ĵurnaloj kaj gazetoj. Ne estas troigo diri,ke la japana popolo povas legi Esperantajn leterojn de tutmondaj esperantistoj pri iliaj landoj. kaj iliajn opiniojn pri Japanio,dank al samideano KURISU.Estus tre malfacile nei ,ke en la nuna situacio estas neebla pli bona propagando de ESPERANTO en Japanio ol praktikas li. Lia honorigo per "Ossaka premio" por la jaro 1949 estas plene meritita,kvankam ĝi nur tre nesufiĉe esprimas liajn meritojn / ĝi servas por honorigi la plej meritoplenan esperan-tiston dum koncerna jaro en Japanio/.

Ne nur japana,sed vere tutmonda esperantistaro,precipe T E J A devas esti fiera, ke ĝi havas membron de tia kvalito. Tamen nia celo ne estas glorigi unu-opulojn,sed amasigi ilin,de por ĉiu esperantisto estu s-ano K U-R I S U sekvinda kaj imitinda modelo.precipe por T E J A-anoj.

El " ESPERANTISTO SLOVAKA "

NIA ANGLA KOLEGO ,d:ro A.MILDWURF, nun gvidas kursojn en Norvegio. Same ankaŭ ankaŭ redaktoro TIBERIU MORARIO el Stockholmo.Pri ilia laboro ni esperas ke ni povas doni raporton en venonta numero.

NOVAJ MEMBROJ

150 Harry Königstedt, Salurnerstr.2 ,III, INNSBRUCK Austrio

151 Reinhard Uhde, Kornstrasse 156, BREMEN, Germanujo

152 S:ino Viderwol Nina, Journalistino, Urednistvo " Naša Zena" LJUBLJANA JUGOSLAVIO.

153 S:ro Kirbus Vinko, radioredaktoro, Kneza Koclja 16/I MARIBOR, Jugoslavio

154 S:ro I Saaron Rasko, Rajnes 13, HOLON, Izraelo.

155 S:ro Pivko Vladimirl, modništov"Kmečki Glas` Gosposvotska cesta Novimarski dom, LJUBLJANA Jugoslavio

156 S:ro Kim Suk Rak, City of SEOUL, Korea
La adreso nune necerta.

Nova adreso:
58. Gerard Lutke Meijer, verkisto, ĵurnalisto. Adastr.14, HENGELO /O/ Nederlando.

/ ------- ------------/
---------

KORESPONDADO:

Ĵurnalisto Kralj Drago, Rož. dol 6.22, LJUBLJANA, Jugoslavio dez. korespondi kun ĵurnalistoj

S:Ro Masao Yoshimoto, 22 Minamikasuga-cho, sai Ukio-ku, KIOTO, Japanujo dez. korespondi kun ĵurnalistoj pri ĵurnalismo, literaturo kulturo, politiko, pac-movado k.t.p.

////////////////

Red. de "De Typhoon", ZAANDAM, Nederlando eldonis numeron pri esperanto kaj komencas kurson. Gratulu kaj petu numeron de la gazeto, Ĉefredaktoro estas s:ro C.Meijer.

LA TEJA- MEMBROJ PRAKTIKE

LABORAS

Svensk Trafiktidning estas organo de la tutsveda Asocio de trafikoficistoj. Redaktoro estas nia membro Teodor Julin. En la n:roj de 16 kaj 23 de sept. 1950 s:ro Julin havas longan artikolon pri ILEPTT kaj ĝia laboro por esperanto.

^ ^ ^ ^ ^ ^ ^

[illegible]

LA [illegible]

[illegible]

La ĉina gazeto "EL POPOLA ĈINIO" Sciigas pri tre aktiva laboro [illegible] kelkaj TEJA-membroj. Nia membro NIILO KAVENIUS dum la lasta tempo tradukis kaj publikigis 4 grandajn artikolojn el la nomita gazeto,

IVAN KOVAČEV, sekr. de Bulgara Esp.Asocio tradukis kaj publikigis 5 artikolojn pri Ĉinio,

Nia membro T.KURISU, Japanio Publikigis du artikolojn el la ĉina gazeto [illegible] en japanaj gazetoj.

Ĵurnalisto SAGA TADASHI, ankaŭ SEAT-peranto en JAPANUJO publikigis unu artikolon kaj samtempe en japana lingvo eldonas gazeton pri Ĉinio. La materialo li tradukas el esperanto.

Nia Membro IMRICH ZALUPSKI el Ĉeĥoslovakio tradukis 2 artikolojn el la ĉina gazeto kaj publikigis en la ĉeĥa gazeto "Pràca"

La raporto, pli detale donita en "EL POPOLA ĈINIO" montras ke la ĵurnalistoj, kaj precipe la membroj de TEJA uzas esperanton por sia praktika [illegible] ro, Estas do konstatite [illegible] novaĵoj pri Ĉinlando [illegible] el esperanta informilo.

Fakto ankaŭ estas ke la ĉinaj ĵurnalistoj-TEJA-membroj bonege laboras por nia lingvo ĝenerale kaj ili povas pruvi ke esperanto funkcias.

PAGU LA JARKOTIZON AL TIJA

ISLANDANOJ pagu samvaloron al 14 eksterlandaj leterfrankoj al s-ro Olofur B. Magnusson, Barmahlid 9, REJKJAVIK, menciante ke estas al konto Adamson, TIJA-kotizo.

JUGOSLAVIO: Pagu al stud.-ĵurnalisto Kralj Drago, Rozna dolina 6/22, LJUBLJANA. Po jaro 70 dinaroj.

AUSTRUJO: S-ro Harry Königstedt, Salurner Str. 2/III, L... 24 ŝilingoj.

GERMANUJO: La jarkotizo por 1951 vi pagu al 36-a Universala Kongreso de Esperanto, /13 b/ München-Pasing, Ingelbertstr. 7, menciu ke estas konto Adamson, Göteborg kaj raportu al TIJA-sekretarejo, Varmlandsgat. 18, GÖTEBORG, Svedujo kion vi pagis.

La jarkotizo 4 germanaj markoj.

ANGLUJO: Pagu al ĵurnalistino, s-ino Hilda Stevens, 25 Circle Square, Regents' Park, LONDON N.W.1. Jarkotizo 5 ŝil.

FRANCUJO: Redaktoro André Renond, 110 Boulevard de Clichy, PARIS

NEDERLANDO: Ĵurnalisto G.J. Minholts, OOSTERHOOGEBRUG A, 17

BULGARIO: Bulgara Esperantista Asocio, ĵurnalista fako, poŝtĉekkonto 1133, SOFIA. Samvaloron al 14 eksterlandaj leterfrankoj.

ĈINIO: Pagu al EL POPOLA ĈINIO, 26 Kuo Hui Chieh, PEKING. Menciu ke estas al konto Adamson, Göteborg kaj skribu samtempe al TIJA-Sekretario. Varmlandsgat. 18, GÖTEBORG Svedujo kion vi pagis ke ni povas sendi ...broŝuron. La kotizo samvaloras al 10 internaciaj leterfrankoj.

FINLANDO. Redaktoro Niilo Kavenius, Schulzinkatu 10 ..., 14

SVISLANDO: D-ro Hans Unger, Mühlebachstr. 47, ZÜRICH

Aliaj pagu al Einar Adamson, Varmlandsg. 18, GÖTEBORG kunsentu kun li pri la pagmaniero.

---

LA ESTRARO DE TIJA

Car oni en la fako kunsido en Pariso ne proponis novajn kandidatojn al la estraro anstataŭ la nefunkciantaj estraranoj la estraro decidis elekti Kralj Drago, Ljubljana kaj d-ro ... Warf, Londono por plifortigi la estraron,